# Sennaciulo

Oficiala organo de sennacieca asocio tutmonda

Januaro 2000
ISSN 1163.0442

*Pri la enhavo de artikoloj respondecas la aŭtoroj mem*

71-a jaro, n-ro 1 (1135)
MENSUEL/MONATA




SAT havas plian retadreson: <sat@esperanto.nu>

**SAT SUR TTT :http://www.multimania.com/satesperanto**

SAT-ANOJ KUTIMIĜU AL EKSTERNACIA SENT-, PENS-, KAJ AGADKAPABLO! LANTI

## EL LA REDAKTEJO....

Karaj gekamaradoj,

komence de tiu ĉi lasta jaro de la 20-a jarcento mi ripetas bondezirojn al ĉiuj legantoj de Sennaciulo.

Kiel vi povas konstati, en tiu ĉi numero ni malfermis novan rubrikon «Taga vivo», por kiu, ni esperas, ĝia redaktoro, k-do Rollin ricevos multajn kunlaboraĵojn.

Mi estas devigata daŭre voki vin aktive partopreni en la vivo de nia asocio kaj en ĝia organo. Sendu al ni aktualajn informojn el viaj landoj kaj loĝlokoj pri la vivo de laboruloj. Sennaciulo reflektu la neneŭtralecon de nia laborista asocio. Ni ne hezitu trakti ĉiujn temojn kiuj koncernas laboristaron. Sed, ni ne havas konstantajn pagatajn ĵurnalistojn. Niaj ĵurnalistoj estas vi. Do, ek al la verkado. Laŭeble ankaŭ ilustru viajn artikolojn. Anticipan dankon. Plej kamaradece salutas vin, via

*Redaktoro*

Asocia sidejo de S.A.T., administrejo kaj redaktejo: 67, avenue Gambetta, FR-75020 Paris, tel. +33.1.47.97.87.05, telekopiilo: +33.1.47.97.71.90.
Retadreso: satesper@cybercable.fr. sat@esperanto.nu
Oficejo malfermita: lunde de 9h30-15h30; de mardo ĝis vendredo: 9h30-16h30. Ekster la laborhoroj funkcias aŭtomata registrilo.
Poŝtkonto: SAT n° 1234-22 K, Paris.
Redaktas: Redakta Komitato - Y. Peyraut, P. Lévy, G. Rollin kaj K. Barkoviĉ.
Ĉefredaktoro : Krešimir Barkoviĉ
Ekspedejo de Sennaciulo: adreso de la redaktejo.
Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem. Ricevitajn manuskriptojn oni ne resendas. La limdato de ricevo de manuskriptoj estas la 10-a de kuranta monato.
*
Imprimé par : S.I.B., B.P. 343, FR-62205 Boulogne-sur-Mer Cedex, Francio.
Aperas monate - Mensuel.
Le directeur de la Publication: Yves PEYRAUT
Abonnement annuel/jara abono, France: 336 FRF aŭ 51,70 €
Autres pays/aliaj landoj : peti la tarifon de nia peranto aŭ de la SAT-Centro.
Dépot légal à la date de parution.

**Commission Paritaire n° AS-74399**
**Limdato por ricevo de kontribuaĵoj estas ĉiam la 10-a en la monato.**

KOREKTO - ADRESO DE USONA PERANTO

Bonvolu noti la bonan adreson de nia usona peranto:
**Dan GLASS, 26 W. 10th St. #1601, St. Paul, MN 55102, USA**
**retadreso: <dglass19@earthlink.net>**

## Oferto de «Laŭte!» al novaj abonantoj

por jaro 2000-a

Al tiuj, kiuj deziros provi unujaran abonon en jaro 2000. Laŭte! ofertas:
- sep normalajn n-rojn (de januaro 2000 ĝis januaro 2001 inkluzive)
- du literaturajn suplementojn:

**Bildoj el la folkloro kaj tradicio argentinaj** (komp. E.G.Garrote)
**Ĉaso je rememoroj** (originalo de Kazimiro Ŝĉurek)
Ĉiu numero aŭ suplemento estas almenaŭ 68-paĝa, kio garantias al vi pli ol 500 paĝojn da «legoprovizo».

Jarabono: 90 FRF (14 €), 110 FRF (17 €) por sendo aviadila (SAL), 45 FRF (7 €) se vi donacos tiun abonon al nepagipova amiko.

Adreso: Cercle amical espérantiste, FR-47470 Beauville.



## SAT-Broŝurservo

De post la apero de SAT-Adresaro 1999-2000, en la listo de la broŝuroj disponeblaj ĉe Esperanto, FR-47470 Beauville, okazis jenaj modifoj:

### Novaĵoj

| | |
|---|---|
| BI. Bildoj el la folkloro kaj tradicio argentinaj (76 p.) | 20 |
| KR. La Krimoj de Dio (Séb.Faure, Johann Most) 52 p. | 10 |
| LP. Liberecanaj Pensoj (du volumoj, 480 p.) | 120 |
| NĜ. Neĝulino kaj aliaj fabeloj (Grimm) 94 p. | 25 |
| VI. La Veraj Interparoladoj de Sokrato (Han Ryner) 168p | 50 |

### Elĉerpiĝis

AC. Atomcentraloj + kompaktdiskoj
(Restas disponebla: ACk. Atomcentraloj + kasedo)
IE. Initiation à l'Espéranto
LN. Linguistique et non-violence
RO. Rompoj

- Nia nova rubriko -




redaktoro : Gerardo Rollin; 88 str.
Victor Hugo; FR-37 400-AMBOISE
<a.reto@france-association.com>

*Vi ja nun legas la unuan provon de nia paĝo pri taga vivo. Ĝia deveno dependas de ni ĉiuj, se ĝi korespondas al vera bezono inter SAT-anoj. Mia hodiaŭa veto estas, ke ni povas paroli pri profundaj aferoj tra simplaj temoj. Certe konkretaĵoj pri kurantaj aferoj de simpla civitano, estos proksimaj al la legantoj, kaj malpli timigaj ol belaj grandaj teoriaĵoj. Sendube ni devos iam pliprofundigi tiun novan vidpunkton. Nia hodiaŭa temo rilatas al «amika» sperto: la morto, tra enkonduko de nia kdo Saiki Akira. Post mia persona peto, li klarigas, kial nur en 1999 okazis la unua transdono de organoj en Japanio. Kie estas la limo inter la morto kaj la vivo? Kiel simpla laboristo vidu la problemon? Kien progresema socialisto batalu por la estonteco? Vi trovos kelkajn reagojn sube. Ni atendas multajn aliajn".*

*Gerardo*

## LA LIMOJ DE LA VIVOJ

La interkonsento nacia pri la juĝprocedo de morto ankoraŭ ne ekzistas. Sed lastatempe la japana registaro decidis, ke la morto de cerbo estas la morto de la homo sen sufiĉaj naciaj diskuto kaj interkonsento. Antaŭ kelkaj tagoj laŭ la nova leĝo, la transdono de korpo-organoj estis farita unuafoje en Japanio. Certe la vivo de homoj estas urĝa problemo, sed por tia grava afero devus necesi sufiĉe profunda konvinkiĝo tutlanda. Do ĉifoja transdon-operacio okazigis tumultajn informojn en ĉiuj japanaj amaskomunikoj.

Antaŭ kelkaj jaroj, oni konfirmis la morton per la halto de la koro aŭde, halto de la spiro, sed mirinda progreso de medicinaj scienco kaj tekniko ebligis vivigi la koron, la pulmon ktp. per medicina aparato. Do aperis la fenomeno, ke kvankam koro ankoraŭ funkcias, tamen la cerbo (preskaŭ) ne vivas. Ni bezonas ŝanĝi pensomanieron pri la morto de homo. Ni ne povas (supozeble poreterne) decidi precize la momenton, kiam la homo mortis. Dume por realigi la transdonon de korpo-organoj, oni devas nepre decidi la momenton iamaniere. Mi estas senreligiulo, kaj akceptas la ideon, ke la morto de cerbo estas la morto de la homo, sed tamen opinias grandan necesecon trakti prudentege la aferojn pri vivo aŭ morto.

Saiki Akira

## MORTO

Ankaŭ en Svedio oni antaŭ kelkaj jaroj akceptis, ke la vivo estas for kiam la cerbo estas morta. Kunlige de kiam la nova koncepto pri morto estis akceptata, tiam estis diskutoj en la gazetaro pri tio. Ofte mankas homaj organoj por transplantadoj, kaj kelkaj opinias ke kiam la dekstruloj nun volas privatigi la malsanulejojn estos risko, ke negocado pri homaj organoj ekaperos. Multaj homoj en Svedio faris interkonsenton kun ŝtataj aŭ komunumaj malsanulejoj, por averti ke oni rajtas preni organojn el iliaj korpoj, postmorte. Nun estas homoj, kiuj pretas nuligi tiajn interkonsentojn, kiam kreskas la risko pri privatigo de tiuj malsanulejoj.

Pelle Persson

## FINO DE LA MORTO

Ĉu baldaŭ formetota vorto el la vortaro ? Fine de tiu jarmilo, multaj sciencaj faktoj aŭ preskaŭ faktoj igas la difinon de morto pli kaj pli malcerta.
Mi ne aludas tie pri tiuj modernaj kuracaj metodoj, kiuj forviŝas la limon de vivo kaj morto. Pli kaj pli da homoj eniras hospitalon kvazaŭ mortaj, kaj post kelkaj monatoj foriras vivoplenaj.
Mi rekte anoncas, ke la plej firma nediskutebla koncepto, tiu radiko de viva filozofio, tiu lasta paŝo de la vivo baldaŭ malaperos, lasante milojn da pripensoj sen morgaŭo. Ni ja povas paroli pri morto de la morto.
La afero estas tiom simpla, ke, same kiel la falo de la berlina muro, ĝi ne estas videbla ŝajne de nia sterila elito. Ankaŭ nek la konsekvencoj. La jam atingita plu-vivigo de genetika materialo far la partenogenezo (ekzemple el hepato-ĉelo), kunmetita kun la transdono de memoro el la trans-skribado de nukleaj acidoj kaj materiaj personaj memoraĵoj ( de nun la tuta sen-interrompa filmo de persona eĉ intima vivo povas teni en kelkaj laserdiskoj) kaj lernigaj kaj rektaj encerbigiloj, antaŭvidigas la pratikan malmutekostan eblon konstrui sian identulon biologie kaj psike en iu plu-viv-maŝino tiel miriga kiel televidilo antaŭ unu jarcento.
Tiu tago estas ja baldaŭa, kaj la venonta, ne jarmilo sed jarcento vidos tion certe. Ni devas konsenti rigardi nin kiel unu el la lastaj mortontaj generacioj. Ni devas, krom tiu maksimuma sensenco de la morto, urĝi al solvo de la plej grava problemo de la homaro: doni difinon de vivo, kiu ne entenos morton. Tiu difino estas nepra por ebligi sencan vivon de niaj post-ne-mortontoj.
Bonan nokton ne eternan.

D-S Clopeau

> Ni bezonas ŝanĝi pensomanieron pri la morto


*En strato de Varanaso (Benarès)*

*Post legado de tiuj vidpunktoj, estus certe interese legi aliajn kontribuojn (amikajn, modestajn kaj malpolemikajn). Miaj demandoj estas : Ĉu bonas la tradicioj pri la morto? Ĉu vi povas paroli pri la entombigo de vi, de viaj gepatroj, de grava socialisto. Ni bezonas sincerajn atestojn por nia marta S-ulo. Dankon.*
*Gerardo Rollin; 88 str. Viktor Hugo; FR-37 400-AMBOISE <a.reto@france-association.com>*



# El la Mondo

## - Tutmonda Komerca Organizo (TKO)-

Antaŭ la fino de novembro, la monda ĵurnalistaro iris al Seattle (USONO) kie okazis la TKO.
TKO fondita en 1994 por anstataŭi GATT (General Agreement on Tariffs




and Trade) kun 135 membroŝtatoj la plej potenca komerc-organizo en la mondo. La ideo malantaŭ la TKO estas malaperigi ĉiujn obstaklojn kiuj povus ĝeni la mondan komercon. Nelimigita kresko de la monda ekonomio kaj neglekto de landaj leĝoj kaj interkonsentoj estas la flageto sub kiu TKO volas labori.
Pli ol 1.000 organizoj subskribis deklaron kontraŭ la TKO konferenco, ĉar: "Libera merkato kaŭzas mondvaste milojn da postenoj kiuj perdiĝas pro translokiĝado de entreprenoj el unu lando al alia. (Kiel ekzemple okazis en Belgio kun Renault Vilvoorde kaj pri kiu vi povis legi en via S-ulo).
Grava estas, ke la anoj de TKO volas, ke iliaj decidoj superu la politikajn decidojn en la diversaj membroj ŝtatoj. Ekzemple; kiam iu loka leĝo malkongruas kun la decidoj de TKO, la nacio povas fari plendon kontraŭ la alia nacio.. Tiu povus recevi punon kaj precipe malriĉaj landoj ne povas pagi tiun punon. Simple dirite TKO estas 100% kontraŭsociala organizo, kie la gajno superas ĉiun senton. TKO decidas ke gajno superu leĝojn, la rajton al pura aero, nemanipulitan manĝaĵon, laborrajtojn ktp. Fakte ili volas estri la mondon kaj regi la naciojn, anstataŭ la elektita politikistaro. (Kvankam ankaŭ pri tiuj mi havas miajn dubojn).
La 30an de novembro, la inaŭgurtago, venis 5000 reprezentantoj inkluzive Bill Clinton (usona prezidento) al la komenco de la kunveno. Ankaŭ pli malpli 2000 ĵurnalistoj venis al la okazaĵo, sed ili trovis pli interesan novaĵon ekster la pordoj de la kunvenejo, ĉe la manifestaciantoj.
Jam semajnojn antaŭe, pacistoj, anarkiistoj preparis grandan proteston kontraŭ la kunveno. Ĉiuj de ni plej verŝajne povis vidi la bildojn pri la manifestaciantoj, kiuj obstine rifuzis al la politikistoj kaj partoprenantoj de la kunveno, liberan vojon al la kunvenejo. Kvankam, laŭ informo el maldekstraj kanaloj, la protestantoj senperforte agadis, ni vidis la "national guarde" kaj la policistojn kiuj kun granda ĝojo, ne fremda la tiuj protektantoj de la granda kapitalo, draŝi la kapojn kaj dorsojn de la protestantoj. Jes la anarĥiistoj anoncis perfortan agadon kontraŭ la kunveno, sed finfine neniu el la protestantoj atakis aŭ perfortis iun ajn. Interesa estas ke ni vidis ke Usonanoj, mondvaste konataj kiel defendantoj de la kapitalista ideаro, nun organizis amasproteston kontraŭ sistemo kiu nur pli suferigos la malriĉajn landojn kaj ankaŭ malsekurigas la sistemon en la okcidenta mondo.
Post unusemajna kunveno kaj malhumanaj atakoj de la policistoj kontraŭ la protestantoj, ni feliĉe povas konkludi ke la kunveno de TKO estis multekosta katastrofo. La kunveno ne atingis veran rezulton. Ĉu ni en Seattle interkonatiĝis kun la nova generacio? Junuloj kiuj ne nur pensas pri drogoj kaj dancado, sed kiuj konscie partoprenas en la socio. Kiuj malgraŭ la kruelaĵoj de la policanoj volas defendi la "demokratajn rajtojn" de la monda popolo? La obstineco de la protestantoj pensigis min pri la periodo de la protestoj kontraŭ la Vietnama milito. Eble en Seattle oni metis neneglekteblan paŝon kontraŭ la sovaĝa kapitalismo. Eble, kaj ni nur povas esperi tion, oni metis en Seattle la unuan paŝon kiun siatempe la homoj faris en la tiel nomataj komunistaj landoj. La paŝo kiu volas diri: "Vi troigas, ni ne plu povas akcepti vian agadon"! Ĉu Seattle estas la granda komenco de la falo de la kapitalista bloko? Ni nur povas esperi ke ni post Seattle iros al humana socio.




Jakvo

## En eksa Jugoslavio inter 1945 kaj 1947 estis likviditaj 130000 «popolmalamikoj»

Je la nomo de la popolo estis ekzekutitaj senkulpuloj, ĉar oni estas senkulpa ĝis la pruvo de la kulpeco. Internacia asocio de eksaj politikaj malliberuloj kaj viktimoj de komunismo organizis rondan tablon pri la viktimoj de jugoslava komunismo. Rondan tablon, titolitan «Je la nomo de la popolo», organizis en Zagrebo, Instituto pri sociaj sciencoj kaj la Internacia asocio de politikaj malliberuloj okaze de la dekjariĝo de falo de Berlina muro. Laŭ la dokumentoj el jugoslaviaj arkivoj, kiuj post duonjarcento estas finfine alireblaj kaj konsulteblaj, nur inter la jaroj 1945 kaj 1947 (do post la milito) estas likviditaj sen juĝo aŭ la ebleco defendi sin ĉirkaŭ 130000 «laŭdiraj popolaj malamikoj». G.P.



# El la Mondo

## RUSIO

### BALOTOJ EN RUSIO

Dimanĉe la 19-an de decembro okazis porparlamentaj balotoj en Rusio. La rezulto estas vere sensacia. Komunista Partio de Genadij Zjuganov, kiel atendite, gajnis plej multe da voĉoj - 25 % de voĉdonantoj. Tamen la plej grandan surprizon preparis bloko «Urso», kiun kreis kremla administracio nur antaŭ du monatoj, laŭ la iniciato de miliardulo Boris Berezovski, konata pro sia influo al la familio de Jelcin. Por la grupo «Urso» siajn voĉojn donis 24% de voĉdonantoj, kio estas 7% pli ol tion antaŭvidis la prognozoj kaj enketoj faritaj kaj prononcitaj antaŭ la balotoj.

Surprizo estas ankaŭ la denova eniro en «Duma» (rusia parlamento) de la ekstremdekstra partio de Ĵirinovskij, kaj de la ligo de dekstraj fortoj, malantaŭ kiuj staras eksĉefministro kaj eksa vic-ĉefministro Jegor Gajdar kaj Anatolij Ĉubais. Same kiel la grupon «Urso», Kremlo publike subtenis Ĵirinovskij kaj aliajn dekstrajn partiojn. Tiuj balotoj bone montris kiom la potenco, mono kaj televido povas influi la voĉdonantojn kaj la rezulton de balotoj. Ekzemple, la grupo «Urso» gajnis en ĉiuj rusaj regionoj kiuj ricevas kaj dependas de la Kremlaj subvencioj.

Ankaŭ estas nenia dubo, ke al la decidoj de voĉdonantoj grave influis la aktuala milito kiun Rusio faras en Ĉeĉenio. Tion konfirmas ankaŭ la sorto de demokrata Partio «Pomo», kiu apenaŭ eniris en Parlamenton, ĉar ĝia gvidanto Grigorij Javlinski, en siaj antaŭbalotaj paroladoj publike kondamnadis tiun ĉi militon. Nun estas nenia dubo ke en la nova Parlamento , prezidento Jelcin kaj lia ĉefministro Vladimir Putin, havos pli grandan subtenon ol en la antaŭa. Krome, eĉ nun estas klare, ke kiam estos proklamitaj definitivaj rezultatoj de tiuj ĉi balotoj, neniu Partio aŭ koalicio havos plimulton. Komunistoj kaj la partioj fidelaj al Kremlo havos ĉiu trionon de la Parlamento, kaj tio signifas ke la politika «pato-pozicio» en Rusio daŭros. Ĉiu el tiuj parlamentaj grupoj povos bloki la akcepton de gravaj decidoj kaj leĝoj.

Laŭ la aktualaj rezultatoj la nombro de deputitoj en la nova parlamento estos la jena: Komunistoj ĉirkaŭ 150 seĝoj, «Urso» ĉ. 120, «Patrio - tuta Rusio» ĉ; 70, «Unuiĝo de dekstraj fortoj» ĉ. 30, «Pomo» ĉ. 25 kaj Ĵirinovski ĉ. 20 seĝoj.

B.L.

## ĈEĤIO

### MALKONTENTO

Opozicia interkonsento inter la ĉeĥaj socialdemokratoj (ĈSSD) kaj la Civitana demokrata partio (ODS), kiu ebligis la kreon de unupartia socialdemokrata registaro en printempo lastjare, nun estas en krizo. En novembro, la prezidanto de ODS, Vaclav Klaus, minacis pri la nuligo de koalicia kontrakto kaj proponis kreon de granda koalicio de ĉiuj parlamentaj partioj, krom komunistoj, sed tiun proponon rifuzis kristanaj demokratoj (KDU-ĈSL) kaj ĉefe Unio de libereco (US), kiu estiĝis per disiĝo de ODS antaŭ du jaroj. Vaclav Klaus sendis publikan leteron al ĉefministro Miloŝ Zeman kritikante la registaran ekonomian politikon. La ĉefa celo de la registaro devus esti ekonomia prospero, batalo kontraŭ la senlaboreco kaj rapida eniro en Eŭropan Komunumaron. Klaus invitis socialdemokratojn pridiskuti kune tiujn problemojn kaj serĉi komunan solvon.

La prezidantaro de ĈSSD traktis tiun malfermitan leteron kaj konkludis ke ĝuste ODS de Klaus ne plenumas la opozician interkonsenton, kaj per sia sinteno malstabiligas politikan situacion en la lando. Tamen ĉefministro Zeman jam anstataŭigis tri ministrojn (financoj, sano kaj eŭropa integriĝo) montrante bonan volon akcepti kritikojn pri la bezono rekonstrui la registaron, sed al Klaus tio ne sufiĉas.

Vaclav Klaus, unua ĉefministro post la velura revolucio, fariĝis fama post la sukcesa privatigo en Ĉeĥio, sed poste li devis demisii pro la fakto, ke lia politiko gvidis la landon en ekonomian krizon kaj pro la problemoj pri la financado de lia partio ODS. Nun li estas parlamenta prezidanto kaj havas ambiciojn fariĝi venonta prezidento de Ĉeĥio. Tion asertas Tomaŝ Jeĵek, lia bona amiko. Laŭ li, Klaus deziras krei grandan koalicion por tiel certigi sian elekton kiel prezidanto de la Respubliko, post la fino de la mandato de Vaclav Havel, ĉar la ĉeĥan prezidenton elektas parlamento.

Ĉio tio okazas en la momento kiam nur ĉiu kvina ĉeĥo subtenas la registaron. Kun ĝenerala politika kaj ekonomia situacio estas kontentaj malmultaj. Laŭ la lastaj enketoj, pri la ĝenerala politika situacio en la lando estas malkontentaj 91,9 % de civitanoj, pri ekonomia 91,5% kaj 63,5% de geloĝantoj estas malkontentaj pri sia vivnivelo. 50% de ĉeĥoj opinias ke la situacio ankoraŭ malpliboniĝos.

V.B.

### Klasbatalo...
### Ĉu tio ankoraŭ ekzistas ?

Laŭ «Interŝanĝo kaj Movado»

**METALURGIO**

**Belgio**

28/9/99 - Carnoy(Karnaŭ), apud Gento, fabriko de primetalaj laboroj, 7 semajnoj de striko de 80 laboristoj kontraŭ la maldungo de unu delegito; gejunuloj estas transpor-titaj per helikoptero kaj la produktejo estas evakuita de polico.

7/6/99- Ŝtalejo de La Louvière (Laluvjer), 150 laboristoj strikas pro la nuligo de postenoj. Oni ne konas la sekvon.

**Ĉinio**

12/6/99 - Shenzen- incendio en unu ventilatorfabriko en kiu brulis vivantaj 28 junaj laboristoj kaj 40 estas serioze vunditaj. Tiaj incendioj estas oftaj pro manko de sekureco.

**PURIGADO**

**Francio**

9/10/99 - striko de purigistoj de la entrepreno Abilis, laborantaj en la flughaveno «Charles de Gaulle», pro la salajroj. La laboro de strikrompantoj estas kontraŭata per la renversado de rubujoj.

**FINANCOJ**

**Francio**

1/10/99-striko kontraŭ la aĉeto de la banque Générale de Crédit fare de «Pinault Printemps Redoute» kiu provokas la maldungon de 3/4 de laboristoj.

# LEA KOMITATO

## Kunveno dum la kongreso en K. Vary

Ĉeestantoj ĉe la unua kunveno:

Cavalier (prez.), Blonstein (Usono), De Las Heras (HALE); Theobald (SLEA), De Weerd (Belgio), Peyraut (SAT-PK), Hardy (SAT-Amikaro), Simons (SATEB), Lynn (SATEB).

Pardonpetoj: neniu krom pardonpeto pro malsano de Pelle Persson.

1 resumo de la ĉefaj aktivaĵoj de la ĉeestantaj LEA-oj.

a) SATEB: ĉar ne okazis kutima 1-a maja festo, SATEB ne starigis budon.
b) Pere de SATEB-ano, Paul Hewitt, ni sendos bultenojn al organizaĵoj, ekz. sindikatoj, progresemaj partioj kaj porpacaj organizaĵoj.
c) Ĉijare SATEB-jarkonferenco/semajnfino estis tre sukcesa. La prelegantoj estis la gekamaradoj Blanke.
d) Post malfacila periodo pri la redaktorado de la "Verda Proleto", ni finfine sukcesis elekti novan redaktoron kiu certigis ke ni disdonos 4 numerojn jare.
c) La komitato kunvenas regule inter la jarkunvenoj.

### SAT-Amikaro

a) Dum la jaro ni konservis nian membraron
b) La komitato decidis analizi eventualan translokiĝon de la SAT-Amikara sidejo cele al plibonigo de laborkondiĉoj.
c) Tre sukcesa kongreso okazis al kiu aliĝis pli ol 200 ĉeestantoj.
d) Regula apero de la monata gazeto.
e) Trinivelaj perkorespondaj kursoj.

### HALE

a) Novaj oficistoj estis elektitaj
b) "Kajeroj el la Sudo" estas eldonita 4-foje jare.
c) La kongreso estis tre sukcesa.

### SLEA

Malgraŭ la maljuneco, la grupo de Stockholmo regule kunvenas.
Dum la kunvenoj oni instruas Esperanton kaj traktas organizajn aferojn. Estas disputo pri la domo kaj mono. La SLEA-Informilo aperas regule.

### USONO (Individua SAT-ano)

En Usono estas malmultaj SAT-anoj, eĉ en la Novjorka regiono la 3 tieaj SAT-anoj ne komunikas.

### LEA-Ligilo

La estonteco de la ligilo estis diskutita.
Laŭ Alan Gould la redaktoro, la originaj celoj de la ligilo ne estis plenumitaj. Pro tio li proponis ke la rolo de la ligilo ŝanĝiĝu. Laŭ lia koncepto, la ligilo havus specifan taskon, kio estas la kreado de novaj LEA-oj.
Li kaj anoj de la LEA-komitato estu skipo kun la celo helpi la starigon de LEA-oj en landoj kie jam ekzistas bazo por ili. Post ne definitiva diskuto estis decidite publikigi la ideon en la venonta LEA-Ligilo por ke oni povu ricevi la reagojn de LEA-oj kaj de SAT-perantoj.
Estis klare ke la ĉeestantaj LEA-oj deziras la daŭrigon de la LEA-Ligilo. Por plifaciligi tion, Ivo Peyraut provizis sian liston de ricevantoj de la LEA-Ligilo (cele eviti duoblan sendon).
La komitato agnoskis kaj dankis k-don Alan Gould kiu pagis por la lastaj eldonoj de ĝi, kaj ili konsentis financi estontajn eldonojn.

### 3. Ĝenerala Konsilantaro

Pelle Persson estas la sekretario. Ivo Peyraut deklaris ke la Ĝenerala Konsilantaro ne agis dum multaj jaroj kaj li intencis levi la aferon dum la Laborkunsido por ke ĝi estu refunkciigita kaj pligrandigita. Ĉiu LEA-o rajtas kaj devas laŭ Statuto, elekti reprezentanton al la Ĝenerala Konsilantaro.

### 4. Konto de LEA-Komitato;

SAT-kasistino proponis ke LEA-oj havu tekston en siaj statutoj por certigi la transdonon de la monkapitalo al SAT, okaze de la asocia likvidiĝo.
SLEA jam modifis sian statuton por certigi tion.

## DUA PARTO DE LA KUNVENO

Ĉeestantoj: Lynn (SATEB), Simons (SATEB), Theobald (SLEA), Legros (SAT-Amikaro), Masseron (SAT-Amikaro), Hardy (SAT-Amikaro), Wilfrid (SATEB), Niessner (gasto el Aŭstrio), Vesely (SAT-Amikaro), Cabezos Martinez (HALE), De las Heras (HALE), Song (Koreio - gasto), Cavalier (prezidanto).

Pardonpetoj : De Weerd

### Diversaĵoj

a) Kosovo
Kosovo estis diskutita ĉe SATEB-a jarkunveno, ankaŭ dum la SAT-Amikara kongreso, sed konkludoj ne estis atingitaj pro diverseco de opinioj.
Malgraŭ tio, SAT-Amikaro klopodis kontakti Kosovanojn pere de Amikeca Reto kaj Esperanto-Kulturcentro, Toulouse. Ĉiuj konsentis esti informitaj pri la rezulto.

### Forumo 2000

La Prezidanto proponis ke LEA-Komitato nun respondecos pri la relanĉo de la plurlingva flugfolio. Ĉiu LEA ricevos tekston por traduki en propran lingvon.

## Financoj

Ĉar la financa raporto ne estis havebla, estis decidite ke la bilanco devas esti raportita. Ĝi devas esti disdonata kune kun la protokolo en LEA-Ligilo. LEA-oj kiuj ankoraŭ ŝuldas la kotizon devas esti samtempe memorigitaj.

## Aldona informo de HALE

a) La prezidanto de HALE konfirmis ke la SAT-Kongreso okazos en Hispanio en la jaro 2002.
b) "Kajeroj de la Sudo" aperas ankaŭ en la Inter-reto. Kelkaj artikoloj havas voĉojn aŭ muzikon.

## ASLE

Herta Niessner, vizitanto de Vieno, prezentis informojn pri la Aŭstria LEA. Ŝajne nur kelkaj anoj de ASLE respondis pozitive al demandaro pri estonta membreco.

## Elekto de la LEA-Komitato

Prezidanto: Guy Cavalier
Vic-Prezidanto : Martin Bustin
Sekretario: Juan Antonio Cabezos Martinez

Protokolis: Pearl Simons kaj Ron Lynn

# VIAJ REAGOJ ...

## Al: Jurgen Kuhl

Ne estis mia intenco reagi al via stulta protesto kiu aperis en S-ulo novembro 99 paĝo 128. Bedaŭrinde, same kiel vi, mi estas SAT-peranto, por Brazilio, kaj multaj membroj esprimis sian malaprobon kaj repuŝon al via sinteno, kiu estas kontraŭa al la spirito de SAT... Mia devo estas komuniki ilian senton de timo pri SAT:

"Se SAT estas tia asocio, ni ne havas motivon por resti kiel membro..." estis la ĝenerala opinio. Kiel vi vidas via faŝismeca, nazia protesto nepre malhelpas al SAT.

Spite al la timida malaprobo de SAT-PK, la membroj restas en dubo, des pli, ke la citita paragrafo 1 de la gvidrezolucio, kaj se mi sufiĉe bone komprenas Esperanton, diras ĝuste la malon, ke via protesto, tiel postulema, maltolera, malamika, ne povus aperi, sed aperis.

Mi devis klarigi la diferencon inter sennacieco kaj sennaciismo. Antaŭ multaj jardekoj kiam mi legis "Manifesto de la Sennaciistoj" de Lanti, mi konsciis ke tiu manifesto estas preskaŭ same nazia kiel la "Mia lukto"de Hitlero... au ĉu eblas imagi iun politikan reĝimon kiu, paĝo 38, "batalas kontraŭ ĉio nacieca - kontraŭ naciaj lingvoj, kulturoj, kutimoj kaj tradicioj". Jen skemo por terora, tutmonda ŝtato de obskurantismo, ĉar la homo estas plureca kaj devas vivi libere. Sekve "Kamarado" J. Kuhl, via "Sennaciista Asocio Tutmonda"ne havas bonan lokon en "Sennacieca Asocio Tutmonda" kaj la membreco de Kep Enderby, UEA-ano kaj SAT-ano estas multe pli valora ol via faŝista sinteno; kiel liberaj homoj, preter via sennaciisma faŝismemo ni rajtas esti membroj de SAT, same kiel membroj de UEA, se tion ni deziras.

Gilbert Ledon, SAT-ano 28926

***

NDLR: K-do Kuhl rezignis pri sia peranteco kaj membreco en SAT. Nova peranto por Kanado estas k-doHans E. Ilginnis (vidu anoncon apude).
Kiel diris prave G. Ledon, la «timidaj» PK-anoj ne kuraĝas komuniki detale tiun tekston (tamen vidu nian komenton en la novembra S-ulo, p. 128), sed ili esperas ke multaj SAT-anoj , sennaciistaj, moderaj aŭ ekstremistaj, reagos.

## NOVA PERANTO POR KANADO

pro la eksiĝo de k-do Kuhl, ni havas novan peranton por Kanado. Temas pri k-do
Hans E. ILGINNIS
P.O. Box 1133
CA-LADYSMITH, B.C. V0R 2E0
Rete: <hans@nanaimo.ark.com>

Bonvolu pagi viajn kotizojn al la bankkonto:
SENNACIECA ASOCIO TUTMONDA
CIBC, transit 540, Account No 0747831

**FONDUSO WALDON**
R. Declerck 500 BEF; Lascours 50,00 FRF; Scherm 80 DEM

**FONDUSO PIV**
A. Houlgatte 250,00 FRF; Katumi Kubo 2000 JPY; W.McCallum 10 GBP; Scherm 110 DEM

**HELPO AL LA ASOCIO**
**En Francio (FRF)** J. Bes 90,00; Scherm 110 DEM; O. Masseron 30,00, Chevrolat 35,00; P. Naulet 30,00; S. Calas 100,00; A. Nové 580,00; Prevost 35,00;

**NOVALIĜOJ**
35.427 GRIMAUD Jean, 891 route des Colombiers, FR-86550 Mignaloux-Beauvoir, Francio
35.428 WITDOECKT Flory, Wittenonnenstraat 9A, BE-8400 Oostende, Belgio
35.429 CHOI Jinha, Hamamatu-tyo 2-10-1-412, Minato-ku, JP-105-0013 Tokyo, Japanio
35.430 LAMERS Andries, Karel Mestdaghplein 10/10, BE-2610 Wilrijk, Belgio
35.431 KUBO Katumi, Namazuda 1803, JP-820-0001 Iizuka, Japanio

**REĜUSTIGO**
En la numero 1113 de Sennaciulo (nov. 99), paĝo 122, 2a kolumno, 35-a linio, bonvolu legi: "...CAUCHY" (franca matematikisto el la 19-a jarcento) anstataŭ CAUCAY".




# 73-a Kongreso de S.A.T. en Moskvo - Rusio

# 15-23.07.2000

lava komunismo. Rondan tablon titolitan "Je la nomo de la popolo" organizis en Zagrebo Instituto pri sociaj sciencoj kaj la INternacia asocio de politikaj malliberuloj okaze de la dekjariĝo de falo de Berlina muro. Laŭ la dokumentoj el

Organiza Kongresa Komitato:
**Prezidanto**: Nikolao GUDSKOV, a/k 57, RU-105318 Moskvo. Tel.: 00.7.095.369.42.20. (hejma), e-poŝto:<nikolao@orc.ru>
**Sekretario-kasisto**: Mikaelo ĈERTILOV, a/k 21, RU-143000 Moskvo-odincovo-6. tel/fakso: 00.7.095.243.74.56.
e-poŝto: <mikaelo@esperanto.nu>.

**Kotiztabelo (ĉiuj prezoj en Francaj Frankoj (FRF) kaj € )**

| Kategorio | 31.12.1999 | 31.03.2000 | 31.05.200 | poste |
|---|---|---|---|---|
| SAT-membro | 300 FRF/46,15€ | 360 FRF/55,38€ | 430 FRF/66,15€ | 500 FRF/76,92€ |
| SAT-geedzoj | 480 FRF/73,85€ | 580 FRF/89,23€ | 690 FRF/106,15€ | 800 FRF/123,08€ |
| SAT-gejunuloj | 150 FRF/23,08€ | 180 FRF/27,69€ | 215 FRF/33,08€ | 250 FRF/38,46€ |
| nemembroj de SAT | 400 FRF/61,54€ | 460 FRF/70,77€ | 530 FRF/81,54€ | 600 FRF/92,31€ |
| geedzoj, SAT-nemembroj | 630 FRF/96,92€ | 730 FRF/112,31€ | 840 FRF/129,23€ | 950 FRF/146,15€ |
| gejunuloj, SAT-nemembroj | 200 FRF/30,77€ | 240 FRF/36,92€ | 285 FRF/43,85€ | 330 FRF/50,77€ |

Infanoj (ĝis 15 j) ne pagas kotizon.

- La supre menciitaj kotizoj (kategorio A) validas por la partoprenantoj el la landoj de Eŭropo ne sube menciitaj kaj el Aŭstralio, Israelio, Japanio, Kanado, Usono, Korea Respubliko, Sudafriko.
- La partoprenantoj el CZ, HU, PL, SK, SI (kategorio B) ĝuas 40% rabaton.
- La partoprenantoj el AL, BG, RO, eksa SU, eksa YU krom SI kaj ĉiuj afrikaj, amerikaj kaj aziaj landoj krom supre menciitaj (kategorio C) ĝuas 60% rabaton.



Ĉu vi ankoraŭ ne aliĝis?

Ne atendu la lastan momenton.

La nekonata lando atendas vin.

# Aventurplena autobiografio de ĝisosta SAT-ano Adolf Vesely



Mi naskiĝis la 20-an de julio 1928 en Brno (tiama Ĉeĥoslovakio). La gepatroj, ĉefe la patro, donis al mi mondcivitanan edukon. Tio kaŭzis, ke jam en lernejo mi opiniis la historion de la nacioj absurda, pro ilia senĉesa militado. Tiom pli, ĉar unu el la fratoj de la patro estis ĉeĥa ŝovinisto, dum la alia germaniĝis.

Proksimiĝis la jaro 1948 kaj mi sentis, ke hipokrita propagando de komunistoj kondukas tutan landon en pereon. En tiu tempo mi estis varbata en armeon, sed obeo de tiu ĉi ordono estis kontraŭ mia konscienco. Pro tio mi kun tri amikoj decidis fuĝi. Post Plzen mi estis haltigita de policano. Sed mi havis nekredeblan bonŝancon, ĉar li estis ege bonkora homo. Kiam mi konfidis al li mian intencon elmigri, li deziris al mi feliĉon kaj lasis min foriri. Mirakle ni ankaŭ trairis inferan pafadon inter soldatoj kaj policanoj kaj mi transpaŝis la limon al Bavario.

Tie mia peto pri plua elmigro en Aŭstralion ne estis aprobita kaj mi estis sendata en germanan «azilejon» por enmigrantoj. Tie oni varbis min al Fremdula legio. Kiel rekruto mi senpage traveturis Germanion, sed poste mi kategorie rifuzis soldatiĝi. Estus ja absurde, ke mi, fuĝanto de la hejma soldatservo, akceptus la samon en alia lando. Mi transiris al sudfranca urbeto Creusot kaj tie en fandejo de Schneider mi trovis laboron. Tie estis bonega medio de multnacia kolektivo - mi kalkulis minimume dekkvin. Nur ĉeĥoj kondutis tie tro memfide, kion mi ne toleris kaj prefere mi amikiĝis kun hispanoj. Dum multaj monatoj mi loĝis kun ili kaj fariĝis «blonda hispano».

En nia ĉambro ni havis junan esperantiston Sobota el Slovakio. Antaŭ sia forveturo li donacis al mi «Ŝlosilon de Esperanto por ĉeĥoj» kaj du adresojn de esperantistaj organizoj. Iu franco luis al mi sian montardometon izolitan en arbaro kaj tie mi komencis lerni internacian lingvon. Helpe de la ŝlosilo mi skribis al SAT-oficejo. Mi mendis libron «Manifesto de la sennaciistoj», kiu poste fariĝis mia sola lernolibro. Kompreninte ĉion, mi rememoris, kion rakontis al mi mia patro dum mia infanaĝo kaj mi trovis, ke la ideoj de Lanti, fondinto de SAT, kaj de mia patro estis preskaŭ la samaj, kvankam la patro ne estis esperantisto. Mi esperantistiĝis kaj aliĝis al SAT en la jaro 1953.

En la sama jaro trafis min grava akcidento. Mi falis en ardan skorion kaj kun terure brulvunditaj piedoj mi aperis en malsanulejo. Tie vizitadis min nur unu maljuna alĝeriano, kiu alportadis al mi fruktojn kaj diversajn frandaĵojn el tiu malmulto, kiun li mem havis. El miaj samlandanoj neniu interesiĝis pri mi. Sed tiama ĉefkuracisto, min, ankoraŭ ne tute sanan, baldaŭ sendis hejmen, ĉar mi estis «nur eksterlandano». Mian senesperan situacion vi ekkomprenus, kiam mi klarigos al vi, ke «hejme» estis por mi malgranda dometo, perdita ie inter arbaraj montoj. En vasta ĉirkaŭaĵo estis neniu, kiu helpus min. Tiam estis kruela vintro kaj mi ne kapablis stari sur miaj kripligitaj piedoj. Por manĝi mi havis preskaŭ nenion, nur kelkajn kubetojn da sukero, sed pro malforto, pri tio mi ne pensis. Mi nur kuŝis kaj glutis neĝon pro granda soifo kaj febro, sen fajro, sen lumo, kiel ekskomunikito de la homara komunumo. Mi ne plu havis imagon pri la tempo aŭ danĝero, ĉar mi troviĝis jam preskaŭ en agonio.

Sed foje mi malfermis la okulojn kaj mi spertis, ke denove mi kuŝas en malsanulejo. Mi estis bonŝanca. Neniam mi ŝlosis pordon. Tute hazarde trovis min homoj, anoj de Ruĝa kruco - sanitarservistoj, kiuj min tien alveturigis. Post iu tempo mi resaniĝis, sed ankoraŭ unu jaron mi iradis helpe de lambastonoj.

Poste mi denove laboris, sed nur kvar horojn tage, ĉar pli multe mi ne povis pro forta doloro. Fine mi maldungiĝis kaj foriris en Parizon. Tie mi ĉiun monon fordonis al mizeruloj, kiuj dormis en kruela malvarmo ĉe la bordoj de Sejno. Trovinte loĝadon ĉe Ruĝa kruco, mi tie restis kelkajn tagojn. Pri mia plua sorto decidis unu malpermesita cigaredo. Pro ĝia fumo oni forpelis min el la rifuĝejo kaj mi devis iri inter la faman frataron de la pariza kanajlaro. Restis al mi nur tranoktadi sur ŝtuparo de metroo, kie ni, senhejmuloj, sentis almenaŭ iom da varmo aŭ kontentiĝi per «pavima dormejo» sur la bordo de Sejno. Nokte mi migris kiel multaj aliaj preter parizaj bazaroj, kie oni povus trovi de tempo al tempo iun frostitan frukton, legomon aŭ peceton da forĵetita pano. Tiel mi travivis la tutan jaron. Estas vere, ke mi povis esti flegita de sennaciecaj esperantistoj, sed ne estis mia kutimo, ke mi ĝenu iun. Mi volis memstare paŝi eĉ per difektitaj piedoj. Ja multaj aliaj fartis pro sia aĝo pli malbone ol mi. Juneco dum tempo ĉion flegos, mi diradis al mi.

Pli poste mi denove sukcesis enviciĝi en normalan vivon, laborinte en aŭtofabrikoj, poste kiel murpentristo, ankaŭ en fabriko por produkti kakaon, kie mi povis tranoktadi en vestejo kaj mia sanstato pliboniĝis. Kiam mi trovis laboron kiel nokta prizorgisto en hotelo, mi povisliberan tempon dum la tago uzi laŭ mia plaĉo kaj mi ofte vizitadis SAT-oficejon por helpi tie kaj babili kun esperantistaj geamikoj. Tio estis por mi la plej ĝuinda periodo de mia vivo. Kun francaj E-amikoj mi neniam parolis alian lingvon, nur Esperanton.

En la jaro 1962 mi edziĝis kun francino ok jarojn pli juna ol mi kaj en la jaro1965 naskiĝis al ni filo Frank. En la jaro1967 ni transloĝiĝis en «veran ekzilon» en Ĉeĥoslovakion. Dum la jaroj mi estis observata kaj «gardata» de polico, ĉefe pro tio, ke mi havis eksterlandan edzinon kaj ke mi kontaktis kun disidentoj. Ankaŭ mi rifuzis aliĝi al socialismaj sindikatoj, brigadlabori kaj partopreni balotojn. Longe daŭris antaŭ ol la situacio trankviliĝis.

A. Vesely



# Ni legis por vi...

## «Hejma Vortaro».

Red. Jouko Lindstedt. Eld. UEA 1999.




Tiu interesega eldonaĵo de UEA difinas sin mem: vortareto pri hejmaĵoj en esperanto. Tro modeste la redaktoro skribas: "Oni rigardu ĉi tiun vortaron kiel helpilon, ne kiel la normon." Oni sentas tiun volon ne trudi terminojn al l'uzontoj: prezentado de multaj eblaĵoj aŭ proponoj pri esprimoj en demando sur la vasta kampo de la ĉiutaga hejma vivo. Esperanto ne nur utilas en homrajtaj debatoj, sed ankaŭ rolas ĉe hejma akceptado de samideanoj el l'antipodoj.

Multaj terminoj certe norme enradikiĝos: trudherbo (C. Roux?), multe pli bona ol fiherbo aŭ herbaĉo; vazlavilo, por manĝilara lavmaŝino, aŭ pufmaizo por maizflokaro.

Feliĉe evidentiĝis la emo uzi niajn Eo-kombinaĵojn anstataŭ krei neologismojn: la granda diverseco de la nomoj en malsamaj lingvoj pruvas la ĝuston de tiu faro.

Nenio estas riproĉinda en tiu vortaro. Tamen pri sonaparato mi preferas sonkompleto (v. kompleto en PIV) kiu pli bone donas la nocion de aparat-aro (itale: complesso).

Permesu diri, ke oni eble povas trovi iom kruda la lingvon de la esperantistoj. Konstatu, ke neniu el la cititaj naciaj lingvoj uzas la vorton menstrusorbilo, - tuko aŭ - tampono. Ili parolas pri damaj, periodaj, higienaj aŭ ŝirmaj aferoj. Same kiel Zamenhof metafore uzis monataĵoj por la periodoj, tiel trafe Jorge Camacho elegante proponis por la ŝirmiloj: monatiloj; mi balotas por ĝi! Tiu krudeco estas trajto de nia lingvo; ripete en kursoj lernantinoj ribelas kontraŭ mamzono. "Maleleganta" ili sentas. Ĉu eblas proponi brustingo?

Mi vane serĉis la nomon de la faro vizitadi la veprejan lernejon parolante pri infano, kiu preterpasas la veran lernejon kaj iras pasigi la tagon meze de kampoj kaj arboj. Franclingve faire l'école buissonnière; angle play truant; germ. die Schule schwänzen. Interese, C. Gacond rakontis al mi, ke en lia franclingva svisa kantono oni hibridigis du lingvojn kaj diras schwanzer l'école! Kiu povus esti la konvena esperantaĵo? Ĝis tiu eltrovo, ne faru al Hejma Vortaro tiun spitan geston de la veprolerneja bubo, analoga al langomontrado: direkti sian manospanon el la pinto de sia nazo al la plenkreskulo-instruisto! Por tiu faro mi proponas spitospani (sed ĉu ĝi estas ĉieskultura?). Ĉiel, ne spitospanu Hejman Vortaron, vi nepre

## G. Simenon: «Maigret hezitas»

Trad. Daniel Luez, eld. Sezonoj, RU-620077 Jekaterinburg -77.

La belga Simenon estas la plej fama franclingva verkisto el la mondo; 500 milionoj da libroj liaj vendiĝis, nenombreblaj televidaj felietonoj kaj filmoj surscenigis liajn heroojn... Tamen tiu ĉi Maigret-aventuro havas apartecon: ĝi ne okazas en la kutima etburĝa medio, kiun travagas la fama komisaro; male, ĝi disvolviĝas en grandburĝa etoso, kiun Simenon malpli bone konis, kaj kiu, eble ĝuste tial, tute fascinis lin. Oni sentas ian respekton, ian sekretan admiron lian antaŭ tiuj grandaj silentaj apartamentoj, kie senbrue glitas maljunaj servistoj, tute sindediĉaj al mastroj plenpotencaj, por kiuj la vivo estas tute alia ol la nia, kompleksa, mistera, sed plena je kaŝfaroj, sekretoj kaj dampitaj skandaloj. Tamen estu certaj! kiel kutime Maigret malkovros la krimulon, ne lasos sin priimponi de la socia altnivelo de la kulpinto kaj montriĝos inda je sia renomo.

La traduko de D. Luez estas tre bona; ĝi plene transportas la leganton en la disvolviĝon de la priskribata afero, kaj sentigas la karakterizaĵojn de ties aparta etoso. En kelkaj lokoj tamen la elektita esprimo eble ne montriĝas perfekta. Ekz. le premier président = la unua prezidanto; ĉu ĉef -? - estro? tiu unua povas doni la falsan impreson, ke troviĝas dua, tria... (p. 17). Alia neimitinda francismo: la tro ofta uzo de l'esprimo: estas X, kiu... Tie oni prefere uzu inversion, por eviti stilan pezaĵon. Ĉu internacia estas la franca: ŝi estas kamelo? (p. 64 = malica). Kaj kvankam en multaj lingvoj, ne nur en la franca, la esprimo: "kie estas miaj homoj?" estas tute kutima (p. 121), mi ne sentas, ke homo taŭgas por diri "kie estas miaj subuloj?" aŭ helpantoj... Ankaŭ la moderna ofta uzo de demandado sen "ĉu", per nura demandosigno, laŭ mi tro abundas. Sed tiuj neeviteblaj sengravaĵoj tute ne makulas la teksaĵon de la tradukverko; cetere ili estas eble afero de propra gusto. Resume: amatoroj de detektivromanoj ĉiulandaj, kuniĝu, en la frandiga legado de tiu verko tre bone elektita, pro ties etoso nekutima en la Simenon-verkaro.

Elio

## «Lingva Arto».

Jubilea libro omaĝe al W. Auld kaj M. Boulton; red. Vilmos Benczik; eld. UEA.

Latine oni nomas tian libron florkrono, t.e. laŭdaro. En universitata medio, la kolegoj naciaj kaj alinaciaj de profesoro kunverkas omaĝan libron okaze de iu lia jubilea jaro, aŭ de lia emeritiĝo. J. Regulo Perez jam ricevis tian, far universitataj esperantistoj.

La du nunaj omaĝitoj estas la aktualaj plej famaj el niaj verkistoj. Multaj gravaj plumoj de la hodiaŭa esperanta verkistaro dediĉis ĉapitron al tiu jubileaĵo. La rezulto estas tre alloga vico da eseoj pri problemoj de la esperanta kultura vivo. La fakto, ke ĉiu libere elektas sian temon, garantias riĉajn, interesoplenajn kaj plej variajn tekstojn. Ekz. fine troveblas unuvorta difino de literaturo, far V. Benczik: transpasilo. Kia belega difino, samtempe teknike bona kaj poezia! G. Beverling, aŭ pli ĝuste lia bebo, plej bele omaĝis al M. Boulton: la eta Freya ĝojkriis ĉe aŭdado de Eroj! J. Camacho-n ni plene aprobu, kiam li asertas, ke pli danĝeras por E-o lingvokripliganto ol neologismulo; malĝentila, maldeca al aŭskultantoj estas la preleganto, kiu fuŝas E-on en sia parolado (ekz. kapitalis

mo ne estas kap'tismo) aŭ per uzo de angla vorto kun fina -o, pro nescio de la konvena termino.

Tamen mi bezonus klarigan desegnaĵeton por la frazo ie trovebla: "Ne senkonscie mi malpakas la toleremon kiel emadon kaj ne emecon". Malpakas? Ne, kaplamas mi, ĉe tia moletera toleremo...

Krom tre malmultaj tiaj perloj, tre valora libro, kiu plezurigante riĉigas la menson.

Johan' Luko.

***

«Lingvaj Respondoj»,
de S. Pokrovskij, eld. Ruslanda Esperantisto.

Tuj la titolo vekos ŝoketon ĉe la legonto: tiu nomo por ĉiam estas ligita al la kolekto de la Zamenhofaj prilingvaj klarigoj. Preterpasinte tion, oni trafas plej interesan serion da prilingvaj artikoloj, kolektitaj el apartaj numeroj de la gazeto Ruslanda Esperantisto.

Ĝi estas ege interesa kolekto por scivolemaj esperantistoj. La unua artikolo ĝuste traktas pri la artikolo en Esperanto. Legi ĝin el slava vidpunkto malkovrigas la gravecon de la problemo. Ni okcidentanoj kutimas uzi nomojn en nepra akompano de artikoloj, kiel vostoj al sciuroj; neniu nomo sen artikolo. Tiel ni senvalorigas ĝin, forgesante ties originon: ille, latina demonstrativo. Artikolo do estas malfortiĝinta demonstrativo, inter tiu kaj nenio. La nevenkebla premo de niaj naciaj lingvoj igis nin enŝovi en Esperanton tiajn dirojn kiel: la luno, la suno... Ili estas vere nenecesaj, ĉar tiuj nomoj, montrantaj unikaĵojn, rolas kiel propraj nomoj, kaj la eltorditaj pravigoj de la Plena Gramatiko ĝuste reliefigas la malforton de l'argumentado favore al la en tiuj okazoj. Oni tamen nun povas rebati, ke la evoluo de l'astronomio iom pravigas ĝin: ekzistas aliaj planedaj satelitoj en nia suna sistemo; ekzistas aliaj sunoj en nia galaksia anguleto; do la luno, la suno povus signifi la "niajn proprajn".

Tiu "vosteca" uzo de la laŭ mi sendube venas de tro laŭlitera legado kaj obeado al la 16 reguloj de la Fundamento : "Ĝi (E-o) ne posedas nedifinan artikolon", dum la tuta Ekzercaro male montras, ke Zamenhof anstataŭe konstante uzas tiucele unu (Unu vidvino... ktp). Zamenhof verŝajne celante al plena koncizo ne aldonis "... ĝin anstataŭas unu" sendube pensante, ke tio evidentiĝos el lia ripeta uzado en la Ekzercaro.

Se oni estus konservinta tiun unu, oni povus trankvile skribi: Dio kreis homon laŭ sia bildo anstataŭ esti devigita skribi Dio kreis LA... Ni havus tri eblojn: homo (iu ajn, kiel la Fundamenta Leono estas besto; unu homo (iu certa homo); kaj la homo (tiu, pri kiu ni ĵus aludis). Sed ni refaru nek la mondon nek Esperanton...

Aliaj gravaj problemoj estas tre originale traktataj: la transskribado de nomoj el nelatinaj alfabetoj; la demando pri literĉapeloj; la amuza nunmoda kontraŭseksismo, kiu volus kompliki la lingvon per enkonduko de novaj sufiksoj.

Vere plej vigliga verko, kiun posedi devas ĉiu el ni.

La presado estas perfekta; bedaŭrinde la ekonomia nuno provizis la broŝuron per koverto iom malfortika, tro maldika.

Elio

# Diversaj novaĵoj

## FILATELO







Okaze de la 55a Kongreso de SAT-Amikaro (Francia LEA) la poŝtoficejo de FOUQUIERES LEZ LENS (Francio) uzas ekde la 1-a de decembro 1999, specialan Esperanto-stampon.
Bele afrankita koverto kun tiu stampo kaj la mencio «Premier jour de la flamme» (Unua tago de la stampo) estas havebla ĉe la libroservo de SAT-Amikaro kontraŭ 10 FRF plus afranko aŭ 3 IRK inkluzive la afrankon.

*****

## PREMIO

**OSIEK-PREMIO 1999**

En '99 la OSIEK-anoj proponis 18 verkaĵojn premiindajn: ĉiuj estis prezentitaj en la junia numero de *La Gazeto*. La 23an de julio, dum la IEK en Metz, Francio, sekreta voĉdonado atribuis la premion al

**XIE Yuming**

pro elĉinigo de romanego de Cao Xueqin kaj Gao E:

*Ruĝdoma songo*

Gratulon!

La premio, 400 eŭr., rekompencas vivantan aŭtoron pro publikita verkajo ne fikcia aŭ pro grava traduklaboro.

informoj ĉe: *La Gazeto*, 55210 Creuë kaj http://osiek.org

krokizo de Mégumi Sachs-Komamura

*****

## INFANRAJTOJ

Okaze de la 19-a de novembro, la Internacia tago de infanrajtoj, Kroata Esperanto Unuiĝo (KEU) kunlabore kun la porinfana organizo en la urbo Ogulin, organizis ekspozicion. Ĉi-jare oni prezentis la internacian ekspozicion nomitan «Naturo-nia vivtrezorejo».
En la lernejoj kie KEU organizas kursojn oni dum la kurshoro diskutis pri la rajtoj de infanoj, organizis etajn ekspoziciojn kaj verkis mesaĝojn por sendi ilin al infanoj en Francio, naskitaj la 19-an de novembro 1989.

# S.A.T. erinaco



DISTRA PAĜO POR SERIOZAJ SAT-ANOJ

## KRUCVORTENIGMO

POR JUNAJ SAT-ANOJ



(R) = radiko

**Hor.** 1. Membro de la revolucia movado en Germanio, depost la jaro 1918 (R); 2. Daŭre ion kovri per alia materialo (R); Neapude; 3. Havanta formon de cirklo (R); Altiri en ion (R); 4. Birdo el la familio de turdedoj (R); Subjunkcio; Mallongigo por metro; 5. Malgrandaĉa / poezia term./ (R); Spirebla gaso kiu ĉirkaŭas la teron (R); Nomo de la sepa litero de la E-alfabeto; 6. Nomo de la 24-a E-litero; Mineralo kun ekstrakteblaj metaloj (R); Tre komforta kanapo (R); 7. Kemia simbolo de oksigeno; Sufikso de la pasiva preterita participo; Nomo de kelkaj francaj urboj; 8. Scienco kiu studas ŝanĝojn en la interna strukturo de la korpoj; Restaĵo el detruita urbo (R); 9. Nomo de la 15-a greka litero; Granda en vertikala direkto (R); 10. Radio aperanta en elektrona tubo.

**Vert.** 1. Speco de mikrokoko (R); 2. Ĝardene kulturata vegetaĵo; Nedaŭre inklina al io; 3. Familiano el la vira devenlinio (R); Kopii la agojn de alia persono (R); 4. Mallongigo de radiuso; La kvina kaj 18-a literoj de la E-alfabeto; Scienco pri la moralo; 5. La 24-a kaj sepa E-literoj; Pezo de kesto aŭ alia pakaĵo de la varo (R); maniero en sekvo de la objektoj(R); 6. Irvojo en parko inter du vicoj da arboj (R); Kvalita; Sufikso esprimanta kolekton; 7. Dekpieda krustulo (R); Moviĝi (R); Simbolo de la unuo de kurent-intenso; 8. Sufikso de la aktiva preterita participo uzita kiel responda adverbo; Ripeta kaj longa movo de io tien kaj reen (R); 9. Translokiĝi glitante sur la neĝo (R); Elfosita aĵo devenanta de antaŭa geologia tempo (R); 10. Loko kie varma kaj minerala akvo eliĝas el la tero.

**Diagonale:** 1. Grava monata eldonaĵo de SAT

Preparis: I. Moĉilnik

**Ĉu vi jam pagis vian kotizon al SAT ? Faru ĝin tuj!**
**Aliĝu al la kongreso en Moskvo.**